# KATOLIKA MONDO

Universala Organo por tut-mondaj interesoj katolikaj

Esperanto-Organo de Internacio Katolika [Ika] kaj de Mondjunularo Katolika [Moka]




5a Kolekto No 5 | Zug Svislando | Majo 1925


## La Sankta Patro, Pio XI[a], enkuraĝigas la disvastigadon de Esperanto

Unu Paŝtisto
Unu amo
Unu lingvo



En la
Sankta Jaro
1925

Ŝtata Sekretariejo
de Lia Sankteco
No. 39.926

El la Vatikano, 13. Marto 1925

Tre estimata Sinjoro!

Mi plenumas la ĝojan ŝarĝon informi Vian Moŝton, ke la Sankta Patro bonvolis bonakcepte ricevi la oferdonon, kiun vi volis fari al Li, de la dokumentoj publikigitaj por utiligi la helpan lingvon Esperanto por la disvastigo de la Evangelio.

Lia Sankteco dankas vin pri tiu ĉi atestaĵo de fila sindonemo kaj enkuraĝigante la laŭdindajn penadojn, en la aŭspicio de ĉielaj favoroj, Li kore donas al vi la Apostolan Benon.

Mi volonte profitas la okazon por certigi vin pri mia sincera estimo

de Via Moŝto
sindona
† P. Gasparri

Al estimata Sro.
Prof. P. Modesto Carolfi
Campiello Fenice 1924
Venezia

Segretaria di Stato
di Sua Santità
No. 39.926

Dal Vaticano, 13. Marzo 1925

Ill.mo Signore,

Compio il gradito incarico di significare alla S. V. Ill.ma che il Santa Padre si è degnato di accogliere benevolmente l'omaggio ch'Ella ha volute farGli dei documenti pubblicati per rendere utile la lingva ausiliare Esperanto alla difusione del Vangelo.

L'Augusto Pontifice la ringrazia di questo attestato di filiale devozione ed incoraggiando i lodevoli sforzi, in auspicio di celesti favori, le impartisce l'Apostolica Benedizione.

Profito volontieri dell' occasione per raffermarmi con sincera stima

della S. V. Ill.ma
aff.mo per servirla
† P. Gasparri

Ill.mo Signore
prof. P. Modesto Carolfi O.M.
Campiello Fenice 1924
Venezia

# La Papo vokas nin — Venu ni ĉiuj!

## Fratoj kaj fratinoj el ĉiuj landoj kaj lingvoj!

La Papo vokas nin. La Papo enkuraĝigas nin! La Papo laŭdas nin! Vivu la Papo!

Ĉi tiu laŭta ĝojokrio jubilante flugas hodiaŭ tra la tutmonda katolika batalantaro! La koroj fiere ekbatas. La okuloj fajre ekflamas. La manoj kuraĝe eklevigas al solena eterna fideljuro. La voĉoj milhore eksonas:

**Ni restos fidelaj, fortaj, humilaj, kuraĝaj batalantoj ĝis la fina venko. Ĝis kiam tra la tuta mondfamilio katolika el la oriento kaj el la okcidento eksonos interfratiĝe interpaciĝe nia kara multamata helpa lingvo Esperanto.**

La Papo parolis! La granda profeto de la paco. La Sankta Patro de la glora Sankta Jaro 1925. La Papo de la Espero, de kiu la homero atendas imperiajn vortojn de nova mondordigo, bazanta sur paco eterna kaj justeco senfina.

La Papo enkuraĝigis nin: utiligi Esperanton por disvastigo de la sankta Evangelio, la „ĝojiga sciigo“ pri la Dia Regno inter la pacema naciaro.

**Ĉu ĉi tiu patra voĉo ne vokas nin al unueco kaj forta kunagado?**

Karaj gefratoj el la tuta mondo! Kiam ni fierbruste kaj flamokule tralegas la Papan leteron, nia koro tamen estas samtempe plena de profunda doloro. Ni vidas ĉiam ankoraŭ disaj la katolikajn kunbatalantojn; disaj ne en koro kaj amo, ne en sentoj kaj pacdeziroj, ne en celoj kaj laboremoj: disaj tamen eble pro kelkaj pasintaj malkomprenoj, pro kelkaj komprenindaj personaj diferencoj; disaj eble ankaŭ, diru ni ĝin sincere, pro kelkaj homaj egoismoj aŭ — cetere ŝatindaj — ambicioj kaj obstinecoj personaj.

Sed, karaj fratoj, ĉu ĉi tiu situacio estas inda de la glora horo nuna? — La Sankta Jaro estas jaro de paco kaj pardonemo, de graco kaj repaciĝo. Ĉu ni ne ĉiuj, dum ĉi tiu solena momento, la unuj kaj la aliaj, ĉu ni ne ĉiuj volas doni al ni frate la manojn kaj surgenui kune kaj eklevi la okulojn el la homa kaj homema tero kun ĝiaj pasioj kaj egoismoj al la amoluma trono de la Ĉiela Patro, dirante:

**Patro nia, bona kaj milda, Paĉjo nia! Aŭdu nin! Vi pardonas senfine al ni, pekemaj, fieraj, ambiciaj, egoistaj pekservantoj. Vi pardonas en via superflua amo al ni ĉiun malpacon, ĉiun desiĝon, ĉiun egoismon, per kiu ni ofendis vian patran koron: Donu al ni ĉiuj la humilan spiriton de pardonemo, de paco, de abnegacio, por ke ni estu indigataj pardoni kiel vi pardonas al ni, forgesi kiel forgesas vi, ami kiel amas vi, oferi kiel oferis vi la propran filon ĉionamatan por la paco de la mondo ...**

Kaj tiam ni ekstaru! Kaj ni parolu kiel frato al frato, **direktante antaŭen la okulojn al pli bela, pli glora estonteco.**

Jes ni pretigu niajn korojn! Ni ne plu hezitu! Ni ne plu aŭdu la egoistajn voĉojn de la homeco, la trompigajn flustradojn de satano, patro de ĉiu menzogo kaj disiĝo!

En tiu ĉi bela tago, kiam tiuj elkoraj vortoj disflugas en la katolikan mondon, samtempe ni elsendas vortojn de paco, amoferojn de frateco, al ĉiuj, al kiuj Dio donis la respondecon pri la Katolika Esperanto-movado! Vi tamen, karaj fratoj, unuigu viajn preĝojn kaj petojn kun la niaj: En nomo de Jesuo estu paco kaj amo inter ni kaj esperoforta kunagado ĝis la fina venko! Neniam plu disiĝo!

**Kaj nun ni direktu antaŭen la okulojn. La Papo parolis! Nova materuĝo videbliĝas je la orienta horizonto. La ora ĉielsuno de paco kaj konkordo leviĝas super la eternaj montaroj, elverŝante la matenfreŝan gracoplenan lumon en ĉiujn homajn okulojn kaj korojn.**

**Estu ni indaj batalantoj, indaj de Dio, la Patro, indaj de Jesuo, la eterna fonto de amo kaj paco, indaj de la Spirito Sankta, la lumo de Espero. Al la laboro! Per unueco kaj oferoj ĝis la fina venko!**

**Nur la unueco vekas ĉiujn fortojn! Nur la unueco kuncentrigas ĉiujn manojn. Nur la unueco kunligigas la katolikan frataron al venkoĝoja armeo, inda de la katolika nomo, inda de la granda misio, kiun la katolika Esperantistaro devas plenumi en la tutmonda Esperanto-movado, en la homara pacagado; inda de sankta ordono de la Papo:**

**Utiligi Esperanton por la Sankta Evangelio!**

K. Mayr.



# Katolika vivo en Ĉeĥoslovakio dum pasinta kvaronjaro.

Diverslandaj katolikoj, kiuj kun pli malpligranda intereso legas la t. n. religian „kronikon“ de sia tagĵurnalo, observas, ke religia vivo en nia ŝtato prenas interesan mienon. Mi ja ne scias, ĉu kaj kiel estas la fremdlanda katolikaro informata pri la fakta ŝtato, sed la enrigardo en tiajn gazetojn pravigas mian opinion, ke ne ĉiam detale kaj — vere. La subaj vortoj bazas sur vere bonaj informoj, tial uzu ilin por nacilingva gazetaro, montrante nian informservon kaj sendu la provon al mi.

Kun Nova Jaro venis novaj bataloj, eĉ novaj esperoj. Ĉe ambaŭ flankoj: la katolika same kiel la kontraŭa. Katolikoj, parte organizitaj en Popola Partio (la vera imitaĵo de germana „Centrum“) ĝojadis, ke la voĉoj por ili donitaj en urboj kreskis eĉ je 100 ĝis 200 percentoj! La partio, kies formala prezidanto estas deputito Šámalík, sed la „animo“ Msro Šrámek, kreskas admirinde. Estas ja vera spektaklo, kiam ĉiuj „kontraŭklerikaluloj“ krias kiel murdantaj bestoj: Ho, klerikalismo progresas! Unuiĝu!

Malsukceso de socialistoj klopodantaj eksigi popolpartianojn el „koalicio“ dum monato Februaro efikis, ke fine oni komencas pri katolicismo skribi, kvankam sole malprofunde. Eĉ tiuj kiuj volus „iri pli profunden“, eĉ tiuj ĝisiris sole al „ornatoj“ kaj politika organizacio.

Specialan signifon havas libro de Hromádka*). Li pligrandigas en ĝi la hodiaŭan posicion de katolicismo ĉe ni. Hromádka malŝanĝas pars pro toto. Klopodante je troa objektiveco li desegnas malbone la fakton. Posicioj de protestantismo ne estas tiel malbonaj, kiel oni opinius laŭ ĉi tiu libro. Jam tio, ke li povis verki la libron kaj eldoni pere universitata librovendejo Bursík & Kohout kaj ke ĝi vekis eĉ oficialan intereson, tio montras, ke protestantismo estas potenca, vivkapabla. Ja se tio ne estus, Hromádka certe ne plu estus la profesoro de protestanta fakultato de Hus en Praha. Poste Hromádka tie enmetas kelkajn sferojn, kiuj imponas al li en katolikismo pro ĝia aktiveco, en bilancon de tuta katolikismo ĉe ni, kio tamen kaŭzas miskomprenon. La vera aktiveco de la katolikismo ĉe ni staras ebla tute **ekster** politika organizaĵo, kaj la „politikistoj“ eble ne reflektas je ĝi, havante propran aktivecon oficialan.

Tiel oni ne povas kunsenti kun Hromádka. Sukcesoj de katolikismo ĉiam fontas el premo ekstera de la kontraŭuloj, el vakuo kontraŭreligia, ne el aktiva premo de katolika memscio.

*) J. L. Hromádka: Katolicismo kaj batalo pri kristanismo (Praha 1925, paĝ. 271).

# Abner la Judo.

Verkis A. T. Sadlier; trad. Dom W. Broens, St. Vincent insulo.

(Fino.)

Tamen la morto ne trafis ankoraŭ la hebreon; iom post iom li resaniĝis. Ofte vizitis lin la sacerdoto kaj nia malriĉa virino havis belan okazon montri sian dankemon. Je unu posttagmezo ŝi sidis apud la hebreo, kiu unuafoje estis ellitiĝinta, kiam subite la sonorilo plej akre eksonis, kvazaŭ iu perforte malfermus la pordon. Tuj ŝi rapidis ... sed haltiĝis preskaŭ senspire, vidante staturon en la duonbela butiko — altkreska, bela virino, kies unua juneco malaperis por lasi duonan maturecon pli belan. Ŝia kostumo riĉa kaj eleganta estis atestaĵo de riĉeco, kiel ankaŭ la veturilo, kiun oni vidis tra la fenestro. Surprizite la flegantino ekrigardis la strangan aperaĵon, kaj subite ekiĝis intuicia ideo en ŝia kapo.

— „Ĉu vi estas“, demandis ne mapli surprizite la alveninta, „ĉu vi estas la posedantino de ĉi-tiu domo? — Sed ne, ne diru, ke Abner la judo jam ne estus la posedanto de la butiko.“

Si elstreĉis petege la manojn, kvazaŭ por forteni menacantan frapon, dum ŝi kriis ankoraŭ pli urĝe: „Ne diru, ke li foriris aŭ — mortis.“

„Abner la judo jam ne ekzistas“ respondis decide la flegantino, ofendata per la malestima esprimo sur la vizaĝo de la alia.

Tiu ĉi ŝanceliĝis aŭdante la akran vorton, ŝia vizaĝo paliĝis kaj ŝia mieno estis dolortrafita. Tiu doloro moderigis la koleron de la ofendita kaj ŝi diris pli milde.

— „Venu!“ kaj ŝi enkondukas ŝin en la duonluman ĉambron, kie sidis la maljuna viro, vestita per sia malstreĉa robo kaj malnova ĉapo, kiel iu profeto el la bibliaj tagoj. Sumo de tremanta espero ludis sur lia vizaĝo ... ĉar li aŭdis la eĥon de iu voĉo ... Kaj apenaŭ aperis la vizio sur la sojlo, kiam li etendis la velkigitajn manojn, kriante:

„Estero, Estero! mia infano! mia infano!

— „Mia Patro“ — kaj la virino falis teren, ploregante kaj kaŝante la kapon inter la faldoj de la malnova, malpura robo ...

„Pardonon“, ŝi ĝemis.

— „Kaj benon“ — respondis Abner, kaj lia voĉo tremanta sonis mallaŭte kaj solene — „La beno de Abraham, de Isak kaj Jakob restu sur vi, la beno de — de la filo de Maria.“

Surprizite alrigardis lin la filino.

— „Estas li, kiu rekondukis vin ĉi-tien“, daŭrigis Abner, „per la preĝo de Maria, la Dia Patrino.

Kaj liaj okuloj, plenaj de milda lumo, glitis al la bildo je la muro — kaj solena silentado ekzistis — ĝis kiam fine diris la flegantino en videbla ĝojo:

— „Mi jam diris al vi, ke Abner la judo jam ne ekzistas“ ...



# Junula Angulo.

## Monata rubriko por Mondjunularo Katolika (Moka, Ika-junularo).

Redaktata de Wilh. Solzbacher, Honnef a. Rh., Germ., Spiesgasse 1.

(Ĉiujn artikolojn kaj notojn oni sendu nur al tiu ĉi adreso.)

### Taskoj de delegito.

La fundamento de nia tuta movado estas la reto de delegitoj ĉirkaŭanta la tutan mondon. Nur se la delegitosistemo bone funkcias, nia ligo povas progresi kaj prosperi.

La delegito reprezentas la ligon en sia loko. Li do devas vere vivi en nia movado. Tial li ĉiam atente tralegu la oficialan organon kaj de tempo al tempo (almenaŭ kvaronjare) skribu al Centra Oficejo kaj raportu pri sia agado, pri sukcesoj kaj malsukcesoj, faru proponojn ktp.

La delegito devas propagandi la ideojn de Moka. Se li sukcesas varbi amikojn, li fondu malgrandan Moka-grupon. Tia grupo ne estu unuiĝo kun multe da eksteraĵoj. Oni kunvenas de tempo al tempo, diskutas pri Mokademandoj, parolas pri aktualaj problemoj de la katolika junularo, de la internacia katolika agado, de la porpaca movado ktp., komune legas artikolojn el la oficiala organo kaj diskutas pri ili. Speciale rekomendinda estas la komuna legado kaj diskutado de la encikliko „Ubi Arcano Dei“ de la 24a decembro 1922 de Papo Pio XIa, kiu jam aperis en preskaŭ ĉiuj naciaj lingvoj. Precipe oni ankaŭ studu

Tamen estas la libro de Hromádka esprimo plej bona kaj plej rimarkinda. Oni ne povas kun ĝi konsenti sed oni povas ĝin ŝati. Sed oni atendas ĉe Hromádka pli gravan verkon: libron pri protestantismo.

Pli senĝojigaj estas la paroloj kontraŭ katolikaj. Post la milito kelkaj „akatolikoj" defendis katolikan religion, vivon, kulturon k. t. p. kontraŭ demagogiaj atakoj. Hodiaŭ, kiam aperas reakcio ekonomia kaj kultura, kiam socialismo malsukcesas kaj „dekstro" prenas superon, vidas aklerikaloj, ke religio ne plu bezonas ilian protektadon. Popola partio estas jam sufiĉe forta kaj povas vivi sen ekstera helpo. Tiel la situacio ŝanĝiĝis.

Eĉ la ĉsl. gazetaro ne estas je pli granda nivelo ol la „publika opinio". La artikoloj pri katolikismo en „Přítomnost", „Tribuna", „Nár. Osvobozeni" k. s. ne tro superstaras la antaŭmilitojn kvarhelerajn flugfolietojn de Libera Penso.

Alia afero estas la festotagoj. Unue la popolpartianoj kriis, ke neniu katolika festotago pereu. Kiam oni legis en parlamento la leĝon estis alie: ne festotagoj de St. Venceslao kaj Staj. Metodio kaj Cyrilo, sed „memortagoj" de princo V. kaj „slavaj apostoloj" M. k. C. same kiel la memortago de J. Hus. La krioj, kiuj volas restarigi festadon de St. Johano de Nepomuk, festata sole „in choro", estas ridindaj; ĉar du trionoj da kreduloj eĉ ne ĉeestas la legadon de meso dum ceteraj festotagoj. Kaj politike eluzi la sanktulojn, tio estas minimume — stultigo de katolikoj! Kiom da protestoj, sed protesto kontraŭ propra religia malvarmeco ne aperis!

Pli kaj pli dispartiĝas en du vicojn la ĉeĥoslovaka katolikaro: Unua, kiu sekvas la popolan partion, ĝojas, kiam la partio gajnas kelke da voĉoj. La dua, reprezentata per „Rozmach", dusemajna gazeto redaktata de verkisto J. Durych, kiel vere katolika same ĉeĥa, laboras por katolika vekiĝo de sia nacio. Eĉ batalo ekzistas inter ili. Vera katoliko devas simpatii kun „Rozmach". Lasta okazintaĵo pravigas miajn vortojn.

Socialistaj ĵurnaloj komencis batali kontraŭ la papa nuncio Marmaggi. Ĉu ne povus fari du popolpartianoj ministroj ian kontraŭagon kontraŭ siaj kolegoj en „koalicio"? Ĝis nun oni ne scias kiel la afero finos. Kiel ajn ĝi finos, tamen ĝi bone montras, ke kvankam je unua flanko kreskas admirindege la potenco de partio „protektanta" la romkatolikan religion, je la dua la atakoj kontraŭ la Vatikano prenas pli kaj pli klaran mienon: via fakti malligi la rilatojn de ĉeĥoslovaka respubliko kun la Sankta Patro. Lasta ekmarŝo de socialistoj komencis.

Religia sento kreskas inter katolikaro. Pli grandiĝas la ĉeestantaro en preĝejoj. Komencas nova vivo ĉe ni. Por Kristo! Oremus!

Jičin, CŜR. Borík Benetka.

# Internacia revuo.

**La Evangelia Ligo en Germanujo.** Kun la revolucio de 1918 la potenco de la protestantismo en Germanujo preskaŭ tute disrompiĝis. La monarĥoj ja estis samtempe eklezia] ĉefoj. La cezaropapismo (kunigo de eklezia kaj ŝtata potenco en unu persono) estis la ĉefa logilo, per kiu reformacio gajnis la princojn por la „pura evangelio". Kiam do falis la tronoj, samtempe disiĝis la potenco de la protestantismo. Kontraŭe la politika potenco de la katolikoj multe kreskis. Furioziĝinte pro tio nun la Evangelia Ligo — la sola unueca kvalito de la membroj estas la malamo kontraŭ Romo — akre atakas la katolikojn. Ili estas plenaj de envio pri tio, ke Germanujo depost 1918 havis kvar katolikajn kancelierojn (ĉefministrojn). La gvidanto de la Ligo, la iama imperiestra kortega predikisto Doehring regule faras paroladojn kaj predikojn kontraŭ la katolikoj, kaj lia ĉefa parolo estas: Je Romo mortas la nacioj!

**Hindenburg prezidanto.** La nomitaj cirkonstancoj klarigas ankaŭ iom la elekton de Hindenburg kiel prezidanto de la germana respubliko. Ĉar granda parto de loĝantaro ($^2/_8$) estas protestanta, multaj (en koro respublikanaj kaj pacemaj) protestantoj, ne volis elekti „Katolikon" (Marx, konata gvidanto katolika), pro religiaj motivoj. Estas konata, ke precipe protestanta parto alceladas la restarigon de la „monarkio" por ree akiri al protestantismo unuan influon en la „Reich". Laŭ tiu religia vidpunkto la malvenko de eksministro Marx estas samtempe malvenko de la katolikismo. Des pli multe — laŭ religaj motivoj jam — estas bedaŭrinda, ke la venko de Hindenburg, resp. de la partioj, kiuj tiun proponis, estas atingata ĉefe pro disunuiĝo inter la katolikoj, kiuj parte (ĉefe en suda Bavario) voĉdonis por protestanta kaj reakciema kandidato precipe pro politikaj motivoj. Fakte la politika posicio de la katolikoj germanaj estas malfacila. Ili devas regadi aŭ kun la socialistoj nekredemaj aŭ kun la protestantoj kontraŭromaj kaj plej parte reakciemaj. Nur per unueco ili estus pli fortaj. La disiĝo nuna pli fortigas aŭ la socialismon aŭ la protestantismon ... La nuna registaro devas decidi pri la „lernejaj leĝoj" kaj granda batalo ekbrulos pri tio ...

**Katolikaj lernejoj en Usono.** En Usono la ŝtataj lernejoj estas mikskonfesiaj kaj oni kune instruas knabojn kaj knabinojn. Sed la katolikoj ne sendas siajn infanojn al tiaj lernejoj kaj fondis katolikajn paroĥajn lernejojn, kie la katolika junularo ĝuas solidan religian edukadon. La katolikoj pagas ĉi tiujn lernejojn tute el propra mono. Nun ekzistas 6551 katolikaj popollernejoj (unuagradaj) kun 1,795.673 gelernantoj. Instruas plej ofte monaĥoj kaj monaĥinoj, entute pli ol 30.000. La katolikoj ankaŭ bone zorgis pri duagradaj (pli altaj, sciencaj) lernejoj. Ekzistas 723 simplaj liceoj (High Schools), 114 pli altaj liceoj (Colleges) kaj 16 universitatoj katolikaj. Oni konsideru, ke la plej multaj katolikoj apartenas al la malriĉaj klasoj kaj ke ili ankaŭ sole el propra mono konstruas siajn preĝejojn kaj salajras la episkopojn kaj pastrojn. Kvankam la katolikaj kunpagas por la ŝtataj lernejoj, ili ricevas nenian ŝtatan subtenon por siaj privataj lernejoj. Ĉiujare ili tiucele oferas la grandegan sumon de 80 milionoj de dolaroj por entute 9000 institutoj (lernejoj, seminarioj, kolegioj, universitatoj) kun 155.000 instruistoj kaj profesoroj kaj ĉ. 2 milionoj da lernantoj. Do duono de ĉiuj katolikaj infanoj vizitas katolikajn privatajn lernejojn.

**Por la katolikaj lernejoj en Slovakujo.** En Slovakujo 774.773 viroj kaj virinoj postulis, ke oni fondu novajn konfesiajn lernejojn kaj ne pre konservu la jam ekzistantajn. Tiu nombro estas 75 procentoj de la tuta loĝantaro de Slovakujo.

**Katolikaj lernejoj en Rumanujo.** Post la Granda Milito la batalo kontraŭ la privataj lernejoj komenciĝis. Iliajn lernantojn la ŝtataj universitatoj nur akceptas, se ili sukcesas treege malfacilajn ekzamenojn. En la armeo ili ne ĝuas la samajn avantaĝojn kiel la vizitintoj de ŝtataj lernejoj. Per tiaj dekretoj oni volas devigi la gepatrojn sendi la infanojn al la ŝtataj lernejoj. En la ĉefdieceso București la katolikoj ankoraŭ posedas 7 lernejojn, 2 mezajn lernejojn kaj 3 liceojn kun aliĝintaj popollernejoj. La ŝtataj instruistoj sendataj por ekzameni mem konfesas, ke la lernantoj de privataj lernejoj multe superas la aliajn. La registaro persekutas la konfesiajn privatajn lernejojn de naciaj malplimultoj. La du hungaraj lernejoj antaŭ la milito ekzistintaj en București estas ŝtatiĝintaj. En Transilvanio la registaro postulas, ke la lernejoj de nerumanoj instruu en rumana lingvo.

**Unua Centjaro de la katolika eklezio en Usono:** Msro Anina, direktoro de la unuiĝo por disvastigado de l'kredo publikigis interesegan karton, kiu estos montrata en la misia ekspozicio en Romo. Jen la progresoj de la katolikismo en Usono de 1822—1922. 1822: 9 diecesoj, 78 pastroj, 600.000 anoj. 1922: 103 diecesoj, 21.161 pastroj, 18,000.000 anoj.

Esperanton. Ĉiu Moka-grupo laboru kiel Esperanto-grupo. Ĉe la kunvenoj dum parto de la tempo laŭeble oni nur parolu en Esperanto. Bonega metodo, por ekzerci sin kaj samtempe propagandi niajn ideojn, estas traduki interesajn artikolojn el „Katolika Mondo" en nacian lingvon kaj porti ilin al redaktejo de katolika ĵurnalo indikante, ke ili estas tradukitaj el KM, Esperanto-Organo de IKA. Se artikolo estas lerte trudukita, oni volonte represos ĝin. Sed ne forgesu sendi ekzempleron de la gazeto al CO! Se en la loko ekzistas Ika-grupo aŭ katolika Esperanto-grupo, oni kunlaboru.

Ne ĉie estas eble, fondi specialan grupon. Sed la plej multaj delegitoj ja estas membroj, eble eĉ estraranoj de iu katolika junulunuiĝo, de studenta grupo ktp. Jen bonega agadkampo! Disvastigu la Moka-ideojn en la grupo, dum diskutado ĉiam denove atentigu pri internacia kunlaborado, pri la katolika paca idealo, pri Esperanto. Eble vi povas fari paroladon pri Moka aŭ pri Esperanto aŭ komenci Esperanto-kurson kaj fondi specialan Esperantosekcion.

Aŭ vi povas verki artikolojn. Skribu pri Moka kaj pri Esperanto en viaj naciaj junulgazetoj kaj en katolikaj ĵurnaloj.

Alia rimedo por helpi nian movadon estas varbi por nia organo „Katolika Mondo". Kompreneble vi instigas la Moka-anojn en via urbo, ke ili, se eble, ĉiuj abonu. Sed eble ekzistas en via urbo neŭtrala Esperanto-grupo, en kiu ankaŭ estas katolikoj. Montru al ili nian belan gazeton, donu specimenan numeron (al laboremuloj oni volonte sendos kelkajn ekzemplerojn por propagando). Peru la abonadon tuj enkasigante la abonprezon kaj sendante ĝin kun la ekzaktaj adresoj al via landa agentejo.

Kelkajn proponojn pri praktika agado vi nun aŭdis. Bone pripensu ilin kaj tuj komencu novan fervoran laboradon. La agadejo estas granda, la celo alta, la vojo klara. Se ĉiu delegito faros sian devon, ni venkos! W. S.

**Al ĉiuj Ika- kaj katolikaj Esperanto-grupoj!**

Mondjunularo Katolika, la junula grupo de Ika, kiu tamen laboras kun organiza sendependeco, nun klopodas kunigi ĉiujn katolikajn gejunulojn Esperantistajn. En la junularo konsistas la estonteco de ĉiu movado, do ankaŭ de Ika kaj de la katolika Esperanto-movado. Helpu nin! Organizu en via grupo sekcion por la junularo, kiu aliĝu al Moka. Detalajn informojn volonte donas la redaktanto de „Junula Angulo".

**Porpaca movado en la junularo.**

Internacia Amikeca Semajno en la valo de Chevreux.

De 27. julio ĝis 4. aŭgusto de la pasinta jaro kunvenis en la belega valo de Chevreux ĉe Paris 50 ĝis 60 junaj homoj el Usono, Belgujo, Germanujo, Anglujo, Francujo, Nederlando kaj Rusujo al Internacia Amikeca Semajno. Dum unu semajno ili kunvivis en tendaro preparita de kelkaj holandanoj el la PIA (Praktika Idealista Asocio). Unu el la ĉefaj taskoj de la kunveno estis, krei personajn rilatojn inter la homoj el la germana kaj la franca junulmovadoj, estigi konfidon al la bona volo de la aliaj. La plej esencan efikon havis ne la paroladoj kaj diskutoj, sed la fakto, ke ĉiuj partoprenantoj sentis sin kvazaŭ membroj de unu granda familio. La paroladoj de famkonataj francaj kaj germanaj pacifistoj el la junula movado bone adaptiĝis al la ĝenerala sentado. La kunveno forte vekigis la konscion pri vera frateco kaj homeco. Dum la lasta tago oni aranĝis memorkunvenon pri la deka datreveno de la komenco de l'Granda Milito. Franco kaj germano rakontis pri la milito, kaj fine Dro. Dumesnil laŭtlegis el la leteroj de Sankta Paulo: „Se mi parolus ĉiujn lingvojn de la homoj kaj de la anĝeloj, sed ne havus la amon, mi estus kvazaŭ bruanta bronzo kaj sonanta tintilo..." ĝis „Sed unu restas kredo, espero, amo, tiuj tri, sed la plej granda inter ili estas la amo!"

En raporto el la „Friedenswarte" (Pacifista Observejo) ni legas: „Ni bone scias, ke nun nur estas farita la komenco por tre intensa, penplena psikologia kaj sociologia trapenetrado de la germana-franca problemaro. Do jam nun ni invitas tiujn grupojn kaj individuojn el la junula movado (germana), kiuj en la unua semajno de aŭgusto 1925 volas kunveni kun francaj junuloj sur franca teritorio en la spirito de la repacigo, ke ili jam nun preparu sin, studante la francan resp. Esperantan lingvojn kaj esplorante la francan karakteron. Demandojn oni sendu al Heinz Herbers, Hagen i. Westf., Industriehaus."

(Daŭrigota.)

# Grandegaj sukcesoj de Ika.

Dum la lastaj monatoj nia Ika-movado povas registri la plej grandajn sukcesojn depost la ekzistado. Resumu ni la ĉefaĵojn:

**Fino de Decembro:** Granda internacia konferenco por katolikaj geinstruistaj kaj edukistaj organizoj en Innsbruck, sub prezido de Msro Waitz, episkopo. Ĉeestas 35 organizoj el tuta Eŭropo. Kreo de internacia sekcio de Ika por la katolika lernejo kaj edukado.

**Januaro:** Letero de la Papo enkuraĝigas kaj laŭdas la Ika-laboron.

**Februaro:** Feliĉaj intertraktadoj pri la 5a Internacia Kongreso en Anglio. L. Em. M. Kard. Bourne akceptas la protektoraton, L. M. Msro Intyre, arkepiskopo de Birmingham la honoran prezidantecon. Unuafoje Kardinalo alestos la kongreson kaj honorigos ĝin per festprediko.

**Marto:** Kreo de la franca nacia komitato sub direktado de kunprezidanto Comm. G. de Noaillat sub la protektorato de L. K. M. Msro Dubois, arkepiskopo de Paris. Aliĝas plej altrangaj estroj: ekz. Msro Prunel, vicrektoro de Instituto Katolika, Sro J. Guirard, ĉefredaktoro de „Croix", plej legata katolika jurnalo; Cte de Francqueville, prof. ĉe la Instituto katolika; abato Beauregard, abato Ramboux, redaktoro de „Espero Katolika" ktp. Sekretario nia amiko P. J. A. Muffang.

**Aprilo:** Kreo de du grupoj en Italio ĉe la katolika universitato en Milano kaj en Turino laŭ iniciato de Don D. Vercesi. Aliĝas plej merititaj profesoroj: ekz. eksministro Mauri, prof. Pedrovanni, prof. Depli ktp.

Kreo de nacia komitato de Ika en Slovakio kun aprobo de la tuta episkoparo laŭ iniciato de kunprezidanto Msro Dro Nik. Pfeiffer; aliĝas al ĝi la plej eminetaj gvidantoj, ekz. kanoniko Szuczy, direktoro Dro Fielkorn ktp.

Kreo de Portugala komitato de Ika sub la eminenta prezido de Vicomte Louis de Pesqueira, fondinto de la Portugala Kolegio en Romo; aliĝis: Comm. Nosolini en Porto, Comm. José Barreto, k. a.

Gravega konferenco en Fribourg inter Ika, agado de prof. Steger kaj l'Union d'Etudes pri unueca kunlaborado.

**Majo:** Konferenco de iniciata komercista komitato en Zug, kiu decidis la kreon de ekonomia sekcio.

# La kongreso en Oxford.

La nunjara kongreso superos ĉiujn ĝis nunajn per alesto de plej eminentaj reprezentantoj el la diversaj partoj de la mondo.

Des pli grava estas la efika suceso de la Esperanto-konferenco, al kiu jam aliĝis granda nombro de niaj pioniroj: ekz. Dro Hinsemkamp, Essen, Sro Borivoj Benekta, Jiĉin; prof. Carolfi, Italio; Sro W. Solzbacher, vicsekretario de Moka; K. Mayr, ĉefsekretario de Ika, kaj aliaj.

Aliĝu tuj! Propagandu!

## Anoncetoj-Korespondado.

Por dufoja enpresigo ĝis 20 vortoj 1 sfr. aŭ 4 respondkuponoj. Antaŭpago nepra kondiĉo.

Sro Klemens Wieczoiek, Ratibor, Silezio, Germ. Marienstraße 72, deziras korespondadi kaj interŝanĝi L. Pt. E. G.

Sro Józef Bulski, instruisto powiat Skierniewice, poczta Gluchów. Polio, deziras korespondi kaj interŝanĝi per poŝtkartoj ilustritaj kun ekstereŭropanoj.

Sro Józef Kotecki, instruisto, poczta Gluchów, powiat Skierniewice, Polio, deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtkartojn ilustritajn kun ĉiuj landoj.

# 10 000

membrojn devas havi

# U E A

en 1925

Aliĝu tuj por atingi

# 10 000

Turnu vin al la loka delegito de UEA en preskaŭ ĉiuj urboj aŭ rekte al la Centra Oficejo 12, Bd du Theâtre, Genève, Svisl.

# Tra la Esperanta Mondo.

(Sub ĉi tiu rubriko ni publikigas gravajn sciigojn! Kunlaboru!)

**XVIIa Universala Kongreso**, Ĝenevo, 2.—7. Aŭg. 1925. La lasta informilo anoncas 200 Kongresistojn. Turista bileto de UEA, entenanta kongreskotizon, biletojn por somera universitato, teatro, unusemajna loĝado kaj manĝado: simpla 110 fr. sv.; meza 150; unuaranga 200, luksa 300. La somera universitato montros tre riĉan programon.

**Esperanto**, oficiala organo de UEA, aprilo, enhavas interesegan demandon de Sro Privat: „Kiel staras nia afero?", leginda por ĉiu samideano. Tie ni trovas la konstaton, ke la samideanoj pojare elspezas 1 milionon da svisaj frankoj por Kongresvojaĝoj. (!) Kiom da utilaj institucioj oni povus krei, se nur la duono de la mono estus donita por praktiktaj celoj.

**Radio kaj Esperanto:** 14.—19. Aprilo okazis en Paris la 1a internacia Kongreso de la radiomatoroj, sur kies tagordo laŭ iniciato de American Radio Relay League estis la demando pri internacia helplingvo en Radio. Speciala subkomisio kun 13 voĉoj kontraŭ du sindetenoj akceptis rezolucion favoran al Esperanto. La plenkunsido unuanime malpli 1 voĉo por angla lingvo kaj 1 voĉo por Ido ĝin aprobis. Teksto:

a) La Unua Kongreso de Internacia Amatora Radio-Unio, konstatante la malfacilaĵojn kaŭzatajn per la diverseco de lingvoj en la internaciaj rilatoj, decidas rekomendi la studon kaj uzadon de Esperanto kiel helpa lingvo de la internaciaj radiotelefonaj komunikoj kaj disaŭdigoj, kiel ankaŭ de la resumoj aŭ tradukoj en revuoj kaj kongresoj.

b) La sama rekomendo estas farata pri radiotelegrafaj komunikoj en okazoj, kiam korespondantoj ne povus interkompreniĝi per nacia lingvo.

c) Sekve de tiu decido, la kongreso alprenas Esperanton kiel sian helpan lingvon internacian flanke de la uzataj naciaj lingvoj.



## Germanlingvaj samideanoj

nepre mendu

Stratmann-Scuczy: Krieg und Nationalismus im Lichte der katholischen Lehre.

Völkerrecht, Weltfriede, Internationale katholische Aktion, raporto pri la Kongreso de Lugano, 1.20 g. m.

„Ika-Stimmen", germanlingva propaganda bulteno monata kun Esperanto parto.

Grandaj rabatoj!

„Ika"-Eldonejo, Zug, Svislando.

Essen, Sälzerstr 84. Wien, I., Schwertg. 3.



# Naciaj abonejoj de K. M.

## Abonejoj.

**Anglio:** Mr. J. E. Hookham, 45 Holmesdale Road, Hampton Wick, Middlesex.

**Aŭstralio:** Fino Maud Helm, 22 Falconer str., Fitzroy, Melbourne.

**Aŭstrio:** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko; elpetu poŝtpagilojn ĉe Sr. Cyr. Kuta, Wien, I., Schwertgasse 3, II.

**Belgio:** Fino J. Assenmacher, 50 rue des Minières, Verviers.

**Brazilio kaj tuta Sudameriko:** Sro Conto Fernandez, 225 Larangeiras, Rio de Janeiro.

**Ĉeĥoslovakio:** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per Sro Fr. Buhr, Praha-Brevnov 257.

**Francio:** Sro Pierre J. A. Muffang, 14 bis avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine (Compte de chèques postaux, Paris 22.482).

**Germanio:** Oni pagu per nia poŝtkonto 30.578, Breslaŭ (Kaspar Mayr, Zŭg).

**Hispanio:** Prof. Mariano Mojado, Abascal 13, Pral A, Madrid.

**Hungario:** Fino Heleno Fiedler, Pecs, Fabriko Zsolnay.

**Italio:** Prof. Modesto Carolfi, Cortemaggiore, Piacenza.

**Jugoslavio:** Pro Ambr. Benkoviĉ, Zagreb, poŝtfako 109.

**Litovujo:** Sro Maĉernis, Ukmergas plentas 45, Kaŭnas.

**Nederlando:** per nia poŝtĉeko No 2121, K. Mayr, Ika, Hoofddorp, Haarlemmermeer.

**Polio:** Pro Jak. Makara, Rzeszow, Matopolska, poŝtĉeko: Warczawa 190.809, K. Mayr, „Ika", Zoug.

**Rumanio:** Tria ordeno de Sankta Francisko, Cluj, Str. Consiliului 5.

**Usono:** Sro F. J. Kovarik, 2502 SO., Kedzie Av. Chicago, Ill.

## Atentu niajn poŝtkontojn!

**Aŭstrio:** Wien 130.558, Prof. W. Arnold, Zug.
**Ĉeĥoslovakio:** 303.692 Morawsko-slov. banka, Olmouc „Ika".
**Germanio:** Breslau 30.578, K. Mayr, Zug.
**Polio:** Warczawa 190.809, K. Mayr, Zoug.
**Nederlando:** 2121, K. Mayr, „Ika" Hoofddorp.
**Svisio:** VII/1991 „Ika", Zug.
Enpagilojn petu ĉe Ekspedicio de K. M., Wien, I., Schwertgasse 3 aŭ en C. O. „Ika", Zug.

## La abonprezoj por la jaro 1925.

| Lando | Jarabono kun R. K. | Ika-kotizo sen K. M. | Ika-kotizo kun K. M. |
|---|---|---|---|
| Anglio ...... Aŭstralio .... | 2,50 ŝl. | 2 ŝl. | 3 ŝl. |
| Argentino .... | 2 pes. or. | 2 pes. or. | 3 pes. or. |
| Aŭstrio...... | 3,5 ŝl. | 2,5 ŝl. | 5 ŝl. |
| Belgio ...... Luksemburgo . | 12 b. fr. | 6 b. fr. | 15 b. fr. |
| Brazilio ..... | 3 mr. | 2 mr. | 4 mr. |
| Ĉeĥoslovakio . | 16 ĉ. kr. | 10 ĉ. kr. | 20 ĉ. kr. |
| Danio ...... | 3 kr. | 2 kr. | 4 kr. |
| Francio ..... | 10 fr. fr. | 6 fr. fr. | 15 fr. fr. |
| Germanio .... | 2,40 o. m. | 2 o. m. | 3 o. m. |
| Hispanio .... | 3 pes. | 3 pes. | 5 pes. |
| Hungario .... | 3,00 o. kr. | 2 o. kr. | 4 o. kr. |
| Italio ....... | 12 l. | 5 l. | 15 l. |
| Jugoslavio ... | 35 din. | 20 din. | 50 din. |
| Litovio ...... | 6 lid. | 4 lid. | 8 lid. |
| Nederlando... | 1,50 fl. | 1,50 fl. | 2 fl. |
| Polio ....... | 3 zl. | 2 zl. | 4 zl. |
| Rumanio .... | 80 lev. | 30 lev. | 100 lev. |
| Svisio ...... | 3 fr. | 2 fr. | 4 fr. |
| Usono ...... | —,75 d. | —,50 d. | 1 d. |

Rimarko: Nia ekspedicio en Vieno Sr. Cyr. Kutta, Wien, I., Schwertgasse 3, II havas enpagilojn por ĉiuj landoj kaj akceptas monsendojn, precipe el la orienteŭropaj ŝtatoj.

Posedanto kaj Eldonisto: „Ika", Zug, Svisio. — Responda Redaktoro: D-ro Hloucha, Wien, XVIII., Semperstr. 36. — Presejo: Fratoj Hollinek, Wien, III., Steingasse 25.